# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 03/07/2014 Cent sepdek dua eldono 03/07/2014 SENDITA (unua eldono 26/09/2011)**

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else**



**SENDATA AL 275** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj


**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisnunigitan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn

## Estontaj kompetentaj Esperantistoj aŭskultas la retradion ĉiun tagon

http://members.aon.at/aldone/peranto/index.html



### Lingvoscio tenas la cerbon freŝa

Kiu dum sia vivo lernas almenaŭ unu fremdan lingvon, ties cerbo evidente dum alta aĝo malpli rapide degeneras. Tion montras longtempa studaĵo kun 835 homoj de la jaralo 1936.

Demenco, Alchejmero - multaj homoj timas la perdon de siaj mensaj kapabloj dum alta aĝo. Kaj fakte la malsanoj de la cerbo estas konsiderataj kiel unu el la plej grandaj defioj de la medicino. Kiel konsekvenco de pli alta vivodaŭro la nombroj de trafitoj dum la venontaj jardekoj povus vere eksplodi.

Esploristoj de la universitato de Edinburgo nun konstatis ke homoj eble per la lernado de unu aŭ pluraj fremdaj lingvoj povas malrapidigi la perdon de mensaj kapabloj dum la alta aĝo. Eĉ se oni lernas lingvon nur en la aĝo de plenkreskulo, tio laŭ la skotaj esploristoj povas bremsi la perdon de kognaj lertoj.

Esploristoj jam de sufiĉe longa tempo estas konvinkitaj ke lingvoscio kaj bremsita evoluo de demenco en alta aĝo interrilatas. Unu el la kernaj demandoj estis, ĉu la kaŭzo por tio estas la akiro de fremda lingvo aŭ ĉu simple nur homoj kiuj disponas pri pli altaj kognaj kapabloj

lernas fremdajn lingvojn.

Por la studaĵo la esploristoj utiligis datumojn de 835 homoj el la regiono de Edinburgo kiuj naskiĝis en la jaro 1936 kaj kies gepatra lingvo estas la angla. La testpersonoj dum la kuro de la jaroj submetiĝis al pridemandado kaj psikologia analizado. Okazis testoj de inteligenteco en la jaro 1947, komence de la 1970-aj jaroj kaj inter la jaroj 2008 kaj 2010. 262 partoprenantoj lernis almenaŭ unu fremdlingvon, 65 el ili nur dum plenkreska aĝo.

La resuma analizo rezultigis ke la testpersonoj kun scipovo de fremdlingvo posedis dum alta aĝo signife pli altajn kognajn kapablojn ol oni povus atendi, se oni nur konsiderus la testojn pri la inteligenteckvociento en la aĝo de 12 jaroj. La plej grandan efikon la esploristoj observis ĉe la ĝenerala inteligenteco kaj ĉe legado - kaj nome ankaŭ ĉe ĉiuj kiuj nur kiel plenkreskuloj estis lernintaj fremdan lingvon.

"La rezultoj havas grandan signifon", diras esploristo. Milionoj da homoj lernas fremdan lingvon malpli frue, post la junaĝo. La studaĵo montras ke plurlingveco, eĉ se ĝi estas akirita nur dum plenkreska aĝo, povas esti utila por la maljuniĝanta cerbo de homo.

Tio ja estas vere bona mesaĝo por la agantoj por Esperanto: Esperanto prezentas utilon, sendepende de tio kiom da homoj en la mondo parolas ĝin. Oni hodiaŭ ja bonege povas praktiki ĝin, eĉ se oni ne partoprenas en internaciaj renkontiĝoj. Kaj tiu praktikado de Esperanto levas la memkonscion kaj tenas la cerbon freŝa dum longa tempo. Tiel Esperanto kontribuas al pli longa kaj pli bela vivo.

Plibeligi la vivon per Esperanto estas ankaŭ la celo kaj la tasko de la Esperanta Retradio. Klaku, Legu! Aŭskultu! Lernu! Spertiĝu!




Propagandi per la fordono de la senpaga, 32 paĝa Ŝlosilo.

## Estas senpaga donaco

'RRP $2.00' donas aspekton de valoro por la eblaj librovendistoj.

**Havebla ĉe Esperanto Domo, Manly Esperanto-Klubo.**

**Vizitu nin ĉe Esperanto-Domo kaj portu sufiĉe da ekzempleroj al via klubo**





**Ignite Sydney** (http://www.ignitesydney.com) La evento kiu enhavos Esperanton okazos la 16-an de Julio ĉe "Oxford Art Factory - 38 Oxford St Darlinghurst" La pordoj malfermiĝas je la 6-a kaj prelegoj komenciĝos je la 7-a. Kompreneble ĉiuj Esperantistoj estas invititaj. Kutime partoprenas pli ol 500 homoj.

## EsperantoTV http://www.esperantotv.net/

## Pasintaj numeroj de 'Aŭstraliaj Esperantistoj'

Sur la **retpaĝo de AEA** http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

CRI online http://esperanto.cri.cn/ Bona Esperanto Bonaj Programoj




Karaj,

Jam de pli ol jaro funkcias kvizo ĉe la retejo de edukado.net. Bedaŭrinde ŝajne nur 2 aŭstralianoj partoprenas. Ĉu ne ankaŭ vi volas ludi? La kvizo enhavas demandojn pri Esperanto-kulturo, movado kaj lingvo. Ĉiun tagon oni rajtas respondi maksimume al 3 demandoj kaj oni havas nur kelkajn sekundojn por klaki sur la respondo. Do necesas malmulte da tempo por ludi. Ĉiun monaton estas unu gajnanto kiu ricevas veran premion. Vi mem povas elekti inter pluraj, estas divers-specaj premioj: libroj, T-ĉemizoj, KD, ktp. Amike, Nicole

"Saluton, jen la aktualaj novaĵoj:
En junio 2014 gajnis en la ludo Nicole Else el Aŭstralio. Ni vere sincere gratulas ŝin, kiu ekde la komenco ludis ĉiun RISKO-tagon, entute 445 tagojn senĉese.
Estas ankaŭ kelkaj jubileoj en tiu ĉi periodo. Ni kun Mogens ĵus enretigis la 1100-an demandon kaj ne ĉesos ankaŭ estontece pri tiu kolektado. Viaj sugestoj ĉiam estas bonvenaj.
En la listo de la iam ludintoj estas nun 599 personoj. El ili en junio ludis tamen malpli ol en la antaŭaj monatoj, nur 127. Vidu la statistikan paĝon. Ni konsoliĝas per la penso, ke eble kelkaj komencis jam siajn senretajn feriojn.

Amike, Katalin Kováts, redaktoro"

# Lingva Festivalo de Sidnejo 2014
## la 5-an de Julio 2014.

http://www.languageonthemove.com/news/sydney-language-festival

## Intervjuo kun Dmitry ĉe SBS radio . en la rusa lingvo.

Li parolas pri la lingva festivalo kaj ankaŭ pri Esperanto. Mi aŭskultis ĝin kun intereso. Mi ne komprenis la tuton, sed tamen partojn.
http://www.sbs.com.au/yourlanguage/russian/highlight/page/id/345074/t/Celebration-of-language-diversity/in/english
Amike, Nicole

## Ses Semajna Esperanto-defio



Jen la rezultoj: http://6wc.learnlangs.com/special

Klaku sur la nomoj por rigardi la filmetojn. Jen ekzemple la filmeto de tiu kiu ricevis la duan premion Terry Sycamore
https://www.youtube.com/watch?v=YNZzI93x-38
Amike, Nicole



## Esperanto-Domo Sidnejo

Aferkunveno je 11atm. Poste amuzkunveno kun manĝetoj.

**Ni festos la Esperanto-tagon la 27an de julio (unu tagon malfrue) Venu!**






## La Melburna Esperanto-Klubo

kunvenas ĉiujn lundojn, 6.30ptm ĝis 8.30ptm
ĉe Ross House, 247 Flinders Lane.

La Melburna Esperanto-Klubo bonvenigis novan Esperantiston, Dennis, el Tajvano (kaj Novzelando) al nia kunveno pasintan lundon. Aliaj kiuj ĉeestis estis Marcel, Jim, Jenny, Heather, Joanne, Peter, Michael, Suzanne kaj Trevor Holton. Ĉiuj devis prezenti



ŝercojn dum la vespero kaj Suzanne preparis krucvortenigmon por nia distraĵo. Marcel donis bondezirojn al Jenny kaj Heather kiuj baldaŭ vojaĝos eksterlanden kaj al la UK en Bonaero. Ĝis la fino de Aŭgusto!!!
Heather

# AEA Informas

## Aŭstralia Esperanto Asocio

ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

Por raporto pri la pasintaj kunvenoj de la 15a kaj 26a de junio 14 vidu ~~AE 171~~, esperebleAE173

# Jen la Sidneja operdomo en Sidnejo,.... Kanado.

Foto de nia amiko Jonathan Cooper kiu nun ferias en Sidnejo, Kanado.



Amike, Nicole



# Edmond Privat



Tre interesa historia parolado. Edmond Privat estis 15 jara kiam li veturis al Bulonjo sur Maro kaj babilis kun Zamenhof. Jen li parolas en 1954 pri siaj spertoj.
( mi uzis VLC media player Roger)
http://www.cdeli.org/sonarkivoj/Edmond-Privat/Privat_Edmond_parolado_okaze_de_la_SESkunveno_1954_marto_14_registrajho_de_Rene_William_Perrenoud.mp3

Amike Nicole

# AEA kongreso 2-11 januaro 2015



# PROGRAMO

## por esperantistoj kaj lernantoj

- Klasoj de Esperanto je du niveloj
- Vespero de teatro kaj muziko
- Esperanto-ekspozicio
- Bankedo
- Ekskursoj
- Prelegoj pri Esperanto kaj aliaj temoj
- Babilado, ridado
- Jarkunveno
- Amikiĝo, planado

La unua ero estos vespera kunmanĝo vendredon la 2-an de januaro

La lasta ero estos la matenmanĝo de dimanĉo la 11-a de januaro



Bonvolu konsulti aea.esperanto.org.au pri ĝisdatigo de eventoj, kaj konsultu Heather, se vi volas kontribui al la programo

heather@melburno.org.au aŭ 03 9525 4295

**The international language, Esperanto: the simplest language to learn!**

Use it to travel the world or as a kick-starter for more difficult (and expensive!) languages.

Please visit our website: aea.esperanto.org.au for more information on events.



# PROGRAM

## for esperantists and learners

- Esperanto classes in two levels
- Evening of theatre and music
- Esperanto exhibition
- Banquet
- Excursions
- Lectures about Esperanto and other topics
- Conversation and laughter
- Annual General Meeting
- Making friends, planning

The first event will be an evening dinner on Friday the 2nd of January

The last event will be the breakfast of Sunday the 11th January

# ALIĜFORMULARO

registration form

Antaŭnomo ______________________
First name

Familia nomo ______________________
Surname

Adreso ______________________
Address

______________________

______________________

Telefono ______________________
Telephone

Poŝtelefono ______________________
Mobile

Retadreso ______________________
Email

Specialaj manĝbezonoj ______________________
Special dietary requirements

______________________

Mia kontribuo al la programo ______________________
My contribution to the program

______________________

______________________

______________________

Demandoj aŭ komentoj ______________________
Questions or comments

______________________

______________________

Bonvolu respondi frue ke ni povu finaranĝi la loĝadon. Anticipan dankon.
*Please respond promptly so that we can finalise the accommodation. Thanks in advance.*

*Se vi deziras ke viaj detaloj ne aperu en la kongreslibro, bonestu informi nin.*
*If you don't want your details to appear in the congress book, please let us know.*

Loĝado ĉe Internacia Domo - unuopa ĉambro kun komunaj necesejo kaj banĉambro, kun matenmanĝo, tagmanĝo kaj vespermanĝo
Accommodation at International House - single room with communal toilet and bathroom, including breakfast, lunch and dinner
tage - $90.00 daily
9 tagoj - $810.00 9 days

Bankedo
Banquet
$50.00

Aliĝkotizo
Registration fee
Plenkreskulo - $150.00 Adult
Studento - $100.00 Student

*Infanoj malpli ol 16-jara, akompanate de plenkreskulo, aliĝas senpage*

*Children under 16 years of age, accompanied by an adult, participate for free*

| | $ |
|---|---|
| Loĝkostoj por _____ noktoj<br>Accommodation for # nights<br>Datoj: __/__/__ ĝis __/__/__<br>Dates until | |
| Bankedo Banquet | |
| Aliĝkotizo Registration fee | |
| Donaco Donation | |
| Sume Total | |

Bonvolu sendi tiun ĉi formularon kune kun ĉeko al:
Please send this form with cheque made out to:
"Melburno Esperanto AEA A/C"
Australian Esperanto Assoc.
C/- GPO Box 2122, Melbourne 3001

aŭ deponu bankpagon en la AEA konto:
or bank deposit to the AEA account:
Commonwealth Bank
BSB: 063 104 Account No:10477294